# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 14/06/2018 Tricentsepdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *
*PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,360,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Ekstudis pli ol 385,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Ekstudis pli ol 4,400 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 32 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Ankaŭ PAG lernis, kiel ĉiuj el ni, kaj je la fino de sia traktado ante la medialon ĝi tre ĝuste kaj malsame klarigas la medialon jene:




"Tial mediala verbo ankaŭ ne povas havi kroman objekton, ĝi estas en si mem netransitiva. Do ĝi ne povas havi pasivon." "konservante sole la signifon 'at". Tion klare montras la verbotempo de la respondaj formoj....... oni ja diras 'la ŝtono ruliĝas post ol esti rulita. Kaj eĉ, por signi la komencan aspekton oni aldonas 'ek': 'la ŝtono ekruliĝis', ĉar 'ruliĝis' akiris la aspekton de daŭra ago en la paseo.". "La diferenco inter la pasiva kaj la mediala voĉoj estas, ke la pasivo subkomprenigas aganton, esprimitan aŭ ne: 'la ŝtono estas rulata (de iu)'. "ke la komplemento de la medialaj verboj estas ne agant-adjekto (per "de") sed instrument-adjekto enkondukata per 'per': 'Ne ĉiam per aĝo mezuriĝas saĝo(Z.)' kaj 'La adjektivo finiĝas per –a(Z.)".

*Marcel Leereveld*



# SBS kaj Esperanto-domo






Hodiaŭ (6an de junio) ĵurnalistino kaj filmisto de la aŭstralia radi- kaj televidkanalo SBS pasigis unu horon kaj duonan en Esperanto-domo intervjuante kaj filmante Esperantistojn. Jen dekstre vi vidas la ĵurnalistinon. Sur la dua foto la filmisto filmas unu el niaj ŝrankoj kun Esperanto-libroj.





Amike, *Nicole Else*

Jen la rezulto de la vizito de 2 ĵurnalistoj de SBS al Esperanto-domo en Sidnejo.
[https://www.sbs.com.au/news/audiotrack/universal-obscure-language-making-comeback-internet](https://www.sbs.com.au/news/audiotrack/universal-obscure-language-making-comeback-internet)







Ili ankaŭ faris version en la serba lingvo kiu estas sufiĉe pli longa ol la angla.
[https://www.sbs.com.au/yourlanguage/serbian/sr/audiotrack/esperanto-ponovo-u-modi?language=sr](https://www.sbs.com.au/yourlanguage/serbian/sr/audiotrack/esperanto-ponovo-u-modi?language=sr)



Amike, *Nicole Else*




# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 16a de Junio estas la tria sabato.
Venu kaj ĝuu nian amikeman Esperantan grupon. *Roger Springer*

# Floroj nun mankas en la ĝardeno.



## EVITI INCITOJN.

Kompreneble vi propagandas Esperanton, i.a. asertante ke ĝia gramatiko estas logika kaj simpla kaj ke la reguloj ne havas eviteblajn esceptojn. Vi estas certa pri tio, ĉar la libroj kaj la aliaj Esperantistoj diras tion, aŭ eĉ ĉar vi mem studis tiujn onidirojn. Vi montras la utilan mankon de sekso ĉe neseksaj substantivoj, la kategoriajn finaĵojn, la ege simpligitan verbsistemon, kaj plurajn aliajn bonojn. Vi montras ke ne ekzistas esceptoj al la reguloj. K.t.p.

Unu tagon vi renkontas viron kiu lernis Esperanton sed fariĝis kontraŭulo de nia lingvo, pro kiu ajn tialo. Eble li fariĝis membro de religia sekto kiu tre favoras la anglan lingvon kiel internacian lingvon, eble ĉar lli hazarde tre spertas en ĝi. Aŭ eble via renkontato favoras la portugalan, ĉar li estas brazilano. Nu, anglolingvanoj kutime ne incitas homojn pri iliaj ideoj, sed ĉar li origine ne estas anglolingvano, li faras tion. Li diras al vi “Vi diras sensencaĵon pri Esperanto. Pruvu al mi, pruvu ke viaj belaj vortoj ne estas mensogoj. Montru ekzemple ke la verba sistemo estas perfekta, kiel diras Marcel Leereveld”. Kaj vi devas respondi kaj pruvi ke la perfekteco de la verba sistemo estas fakto.

Vi do komencas per la plej baza regulo: Ke estas tri tempoj kaj ĉiu tempo havas nur unu finaĵon, kaj por ĉiu ago Esperanto havas nur unu vorton, unu verbon, kun finaĵo kaj eventuala sufikso. Kaj ke la voĉoj estas regulaj, ĉar la medialo estas unu verbo kun speciala sufikso, -iĝi, kaj la faktativo kun la speciala sufikso "-igi". Ha, ha, li incitas, jen vi diras sensencaĵon, vi Esperantoamanto! Se unu ago reprezentatas de unu verbo, kaj ke la voĉoj rekoneblas per sufikso, kial do vi stulte diras en la Pasiva Voĉo "La hundo estas batata", kun du verboj? Vi ruĝiĝas, kaj klarigas, ke tio estas sama en la eŭropaj etnaj lingvoj. Vi do ne diras la veron pri Esperanto, nome ke ĝi ne estas logika ĉar ĝi uzas nelogikan voĉosistemon de la eŭropaj lingvoj. Vi ruĝiĝe ne scias kion respondi, kaj fine diras "Nu, ĉiuj Esperantistoj uzas tiun pasivan voĉon". Kaj lia incita respondo:: Do ĉiuj Esperantistoj estas idiotoj". Sed vi daŭrigas pruvi per "Sed Zamenhof mem uzis tiun pasivan voĉon". Sed la incitanto estas tamen iomete honesta, kaj defendas Zamenhof dirante "Jes, mi scias, sed Zamenhof almenaŭ sciis ke la pasiva voĉo devas esti unu verbo kun speciala finaĵo, kaj li kreis tion, sed ŝanĝis ĉar li timis ke la diktatoremaj eŭropanoj ne akceptus logikan Esperanton sed akceptus nur nelogikan lingvon kun la eŭropaj mallogikaĵoj." Kaj li aldonas "Kiel ŝafoj vi sekvas la nekompetentajn Esperantistojn eŭropajn, kvankam intertempe unu Esperantisto jam solvis tiun problemon, kreante, laŭ la Fundamento, pasivan voĉon en unu vorto. Li nomiĝas Marcel Leereveld kaj montris tion en sia libro 'Lingvaj Resondoj'. Sed ekzistas aliaj eraroj kaj nenecesaj esceptoj en Esperanto. Ĉu vi deziras diskuti ilin?". Kaj vi respondas "Ne, ne nun, ĉar mi ne havas tempon, ĉar mia edzino atendas min". Do la incitanto volis sed ne povis daŭrigi sian nerefuteblan kritikadon ante Esperanton. Kaj vi pensas "Eble mi devas legi tiun libron, por trovi pli da diktatoremaj Esperantouzoj de la eŭropaj Esperantologoj, por helpi Marcel korekti ilin". Se Esperanto gravas al vi. Jen kelkaj el tiuj eŭropaĵoj: kialo anstataŭ tialo; Italio anstataŭ Italujo; "estis dirita" anstataŭ 'estas dirita', "reveni estis necese" anstataŭ "retroveni estis necesa", la plursenceco de "de", k.t.p. Se Esperanto estas ne nur ludaĵo, sed serioza afero por vi. Kaj post tio vi povos alfronti neruĝiĝante kaj konvinke ĉiun kiu aŭdacas kritiki Esperanton kaj inciti vin. Kaj montri ke vi ne estas sklavo de la eŭropaj lingvoj.

*Marcel Leereveld.*

NOTU ke, eĉ laŭ la kvankame nesufiĉe kompetenta Akademio de Esperanto, la signifoj de "anta" kaj "-ata" estas "nefinita, do Imperfekta, ago en iu ajn tempo aŭ aspekto (-as, -is, -os, -u, -us, -i)", do ke "Mi estas manĝanta" signifas nur "Mi estas en la procedo manĝi, kiu manĝado ankoraŭ ne finiĝis aŭ neniam finiĝos", kaj ke "La kokinaĵo estis manĝata" signifas ke la manĝado ante la kokinaĵon ankoraŭ ne finiĝis kaj eble neniam finiĝos. Tio inteligente decidatis dum la periodo de Kalocsay. *Marcel Leereveld.*



# Pri la klubo en Adelajdo

La ĉefparolanto dum la junia kluba kunveno en Adelajdo estis Michael Carney. Li prezentis al la cxestantoj sian lastan vojagxon al Hobarto. Katja kaj Trevor Steele vizitis antaŭnelonge Kanberon, ankaŭ ili montris kelkajn bildojn pri la 5-taga feriado.

foto: Trevor Steele en Kanbero, en la parko antaŭ la malnova parlamentejo *Katja Steele*

# la 10-a adelajda Vintrokursaro

## Vintre la 10-an fojon

La 9-an kaj la 10-an de junio ni okazigis la 10-an adelajdan Vintrokursaron. La instruado okazis en du grupoj kaj je nia kontento en la klaso de komencantoj estis kvin novuloj. Matene estis instruado, en la unua posttagmezo etaj prezentaĵoj de unuopuloj kaj iom da kantado. La duan posttagmezon Sandor Horvath kaj Helen Palmer aliĝis al ni skajpe el la fora nordo de Sudaŭstralio kaj tre atentokapte prezentis la laboron de la tieaj mediogardistoj.



En la klaso de Trevor

La ĉeestantoj aĉetis librojn de la malgranda libroservo kaj ricevis refreŝigaĵojn kaj lunĉojn pagitajn de la kluba mono.

Kalkulante ankaŭ la parttempajn partoprenantojn kaj helpantojn ni estis entute 22.

Andrew, Eileen, Eddie

Benno instruas la unuan fojon

Ni spektis la perskajpan prezentaĵon de Sandor kaj Helen

Novuloj Mario kaj Claire prezentas sin

*Katja Steele* ★★★★★

3 Fotoj per *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

PMEG **Elŝutebla PMEG** Ĉi tie vi povas elŝuti la tutan version 15.0.2 de PMEG (en HTML-formo). Ĉiu el la dosieroj estas pakita per zip-programo, kaj estas ĉirkaŭ 3,2 megabitokojn granda en pakita formo:
http://bertilow.com/pmeg/elshutebla/PMEG_15.0.2_provizora_PDF_3_Majo_2018.pdf

Bertilo Wennergren
Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko
Esperanto-Ligo por Norda Ameriko

informas AE-on *Katja Steele*



# El Melburno



Pasintan dimanĉon venis al la renkonto en ACMI kafejo en Federation placo gasto el la insulo Ouvea , Novkaledonio, Stephane Gonet. Li sendis mesaĝon al Bert Ŝuman, kiu zorgas pri la fama kastelo Gresillon, en kiu eblas sekvi programon de diversaj aktivecoj dum la monatoj julio kaj aŭgusto. Bert sciigis min pri lia peto kaj la fakto ke Stephane ŝatus renkonti esperantistojn. Koincide li estis ĵus vojaĝonta al Melburno je tiu semajfino. Do ni sukcesis renkontiĝi kaj li havis tiam sian unuan lecionon en Esperanto. Li tuj havis la pruvon ke Esperanto estas uzata kaj utila. Ni esperu ke kvankam ne estas esperantistoj en Ouvea li iamaniere daŭrigos la lernadon kaj ke ni povos esperante paroli en nia venonta renkonto.



*Franciska Toubale*






. *Peter Danzer*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro unua ero



En Kopenhago staris grandega kastelo, nomata "Københavns Slot". Bedaŭrinde ĝi forbruliĝis antaŭ longe, kaj oni konstruis alian, tute novan, preskaŭ ne brulpovan, kaj nomis ĝin "Christiansborg Slot", kaj invitis la reĝon transloĝiĝi al ĝi. Rigardinte ĝin nur tre mallonge li diris, "neniam mi loĝos tie !"

Ĝi do fariĝis la parlamentejo, kaj oficejaro de ĉiuj ministerioj danaj, feroaj kaj gronlandaj. Ankaŭ la arĥivoj de la dana regno estas tie, la reĝa biblioteko, eĉ preĝejo, teatro, ĉevalstaloj reĝaj kaj nur Dio scias kio alia. Ĝi havas multajn gardistojn, noktajn kaj tagajn. Ili gardas preskaŭ same kiel tiuj, kun kiuj mi tiom longe, fakte 6 jarojn, kunlaboris. Mi eniris la kastelon kaj petis laboron. Oni donis al mi longan demandaron, kiun mi devis plenigi. Tion farinte mi iris hejmen.

Kelkajn semajnojn poste mi iris al iu granda konstruaĵo en Kopenhago. Tie estis eble dek du aliaj, multaj el ili miaj ekskolegoj. Ni iris en grandan klasĉambron, kaj iu psikologo komencis paroli al ni. Ni rajtis komenti, kiel ankaŭ pridemandi. Ni desegnis kaj ni kalkulis. Subite ni ĉiuj forlasis la klasĉambron kaj iu alia psikologo gvidis nin tra la konstruaĵo klarigante al ni la funkcion

de ĉiuj ĉambroj, kuirejoj, manĝejoj, banĉambroj, oficejoj ktp. ktp. Tio ne estis malfacila. La malfacilaĵo venis poste.

Reveninte al nia klasĉambro li petis nin desegni mapon de la konstruaĵo. Kompreneble mi ne povis memori la sisekvon de la multaj diversaj kaj malsamaj ĉambroj, do mi verkis ion alian kaj donis ĝin al li.

Poste ni estis demanditaj, ĉu ni preferus esti episkopoj aŭ generaloj. Ili ĉiuj volis esti generaloj, do mi diris, ke mi preferus esti episkopo. Li min demandis, "ĉu vi la ceteron de via vivo ŝatus studadi?" Mi respondis ke jes!

Sep horojn ni pasigis tie. Tiam venis la altaj sinjoroj de la kastelo kaj parolis kun ni. Al ĉiu el ni estis dirite, "ni decidis doni al vi ŝancon!" "Dankon, mi diris, "kiam mi komencu". "Ho, morgaŭ", diris li. "Mi preferus komenci hodiaŭ vespere", kaj li sendis min al iu tajloro, ne, ne al mia onklo Karlo. Tie oni mezuris min kaj ekkudris. Mi iris al la kastelo en la vespero, kaj ricevis uniformon provizoran. Iu kolego akompanis min tra partoj de la kastelo, kaj mi lernis sufiĉe rapide, ĉar mi ja jam estis farinta tian laboron 6 jarojn. Iom post iom mi bone konis ĉiujn angulojn de la kastelo, kaj oni sendis min ekster la kastelon. *Daŭrigota* *BobFelby*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 10an de Junio dek homoj (inkluzive de unu komencanto, unu gasto de Nov-kaledonio kaj unu filmstudento kiu ekfilmis dokumentarion pri Esperanto) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis, instruis la komencanton, parolis pri Esperanto al la apuda grupo kaj ludis *Diru Ne Diru*

**VENONTAJ KUNVENOJ**

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 17an de Junio je 15:00-17:00

**Lunda kunveno**, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 18an de Junio je 18:00-20:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1158 Instagram – 162

Facebook – 385 Telegram – 19 Twitter – 390 *Joanne Johns*





## 3ZZZ .....



En la elsendo de la 11a de junio 2018 vi trovos informojn pri aŭstralia birdo, kiu eble vivas apud via loĝloko: la flavkresta kakatuo kaj pli da informoj por teni vin en bona sanstato.



Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

